# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Februaro / Marto (1) 2011

# Eŭropa Verda Ĉefurbo 2011

Modernaj suno- kaj vento-uzaj energi-sistemoj en Hamburg

Foto: kun afabla permeso de Hamburg Energie


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 4318 8347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

mi esperas ke vi bone pasigis la unuan jardekon de nia jarmilo. En la pasinta jarmilo *Dietrich* (aŭ Thiedrich) *von Arneburg* estis ekde 1011 episkopo de *Münster.*
Ni esperantistoj ĉi-jare povos viziti la urbon Münster por partopreni en la *Germana Esperanto-Kongreso* de la 10a ĝis la 13a de junio 2011. Pliaj informoj troviĝas tie: www.esperanto.de/gea/GEK2011.html

En Julio denove okazos *Hamburga Somero* antaŭ la UK en Kopenhago. Tiu plejparte turisma evento tamen ankaŭ prezentos alogajn temojn por homoj kiuj ne vojaĝos al UK, sed simple volas ĝui agrablajn tagojn en bela urbo. www.Esperanto-Hamburg.de/hoso

La 18an de Februaro ni havos nian jarĉefkunvenon, dum kiu kutime la estraro dankas al la kunlaborantoj.
Ĉi-tie mi volas aparte danki al nia reta prizorganto *Frank Merla*, kiu regule kaj tre bonkvalite laboras por la ekstera prezentado de nia klubo. Li ankaŭ helpas al mi dum la pruduktado de la informilo *Esperanto Hamburg:* Li legas kaj korektas la tekstojn antaŭ la publikigo.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

Kultur Laden St. Georg e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

**Silentado estas la plej granda arto.**

Gerhart Hauptmann

**Redaktofino** de n-ro 2/2011: 15-03-11

**Redaktofino** de n-ro 3/2011: 15-05-11

**Redaktofino** de n-ro 4/2011: 15-08-11

# Energia monto

En Georgswerder, sur insulo en la rivero Elbe, troviĝas monteto, kiu iam estis deponejo por urba rubo. En 1983 oni malkovris la venenon *Dioksino* en elfluanta akvo, kiu pruvis kontraŭleĝan deponadon de industriaj restaĵoj antaŭ 1979, kiam la deponejo estis fermita. Oni devis hermetike izoli la monteton por entute 95 milionoj da eŭroj.

Okaze de la *Internacia konstrua ekspozicio* en 2013, la tereno de 45 hektaroj nun estas uzata por prezenti modernajn sistemojn por produktado de energio.

Antaŭ kelkaj jaroj jam estis konstruitaj altaj ventgeneratoroj sur la 40 metrojn alta monteto.



Energi-monteto

Foto: Wikimedia / Georg HH



Biogas-cisternoj

Foto: Jost Vitt / IBA Hamburg

En 2010 la entrepreno *Hamburg Energie* inaŭguris kampon de 1.600 fotoelektraj moduloj sur areo de 5.000 m², kiuj produktas 400.000 kWh jare por 170 loĝejoj. Eblas estonte kovri la tutan sudan taluson kun 16.000 m² per fotoelektraj moduloj.

Tria maniero de medioprotekta energiproduktado funkcias per biogassistemo. Parto de la gaso estiĝas per senoksigena fermentado de bio-maso en la deponejo mem, alian parton oni volas produkti el la herbaĵoj, kiujn oni fortranĉas sur la montetaj herbejoj.

Oni planas estonte provizi la tutan kvartalon per reprodukteblaj energioj el suno, vento, biogaso kaj geotermiko.

## Klimata ŝanĝo





La verduloj en la lando *Malsupra Saksio* avertis en afiŝoj, ke oni devos ŝanĝi la flagon de la lando, se oni ne haltigos la mondan varmiĝon, ĉar tiam la maro inundus la tutan landon, kies flago enhavas ĉevalon.

## Naturprotektado en Hamburg

En Hamburg ekzistas 31 naturprotektaj rezervejoj en diversspecaj pejzaĝoj. En la malgranda urba ŝtato tiuj okupas 8 % de la areo.

## Flughaveno 100-jara

La flughaveno de Hamburg estas la plej malnova en Germanio. Ĝi estis fondita en 1911 kiel alvenejo kaj priservejo de la tiam miraklaj zepelinoj. En 2010 ĝi servis al 12,96 milionoj da pasaĝeroj kaj estas la kvina plej granda en Germanio. La *Hamburga Flughaveno* estas la sola en Germanio, kiu ankoraŭ funkcias en la origina loko. Nur la germanlingva nomo ŝajne ne plu estis taŭga por moderna entrepreno: Ekde kelkaj jaroj la oficiala nomo estas *Hamburg Airport*

## Hamburga Kuirarto: Aalsuppe

Ne-Hamburganoj supozas, ke Hamburger Aalsuppe estas kvazaŭ Germana ĝemelo de Bujabeso. Sed ili eraras. La bazo de tiu ŝajna *angila* supo ne estas fiŝaĵo sed buljono el ostoj de fumaĵita ŝinko. La nomo Aalsuppe supozeble origine estis *Allsupp,* do *ĉio-supo*, kiu pro la diferencoj inter la Altgermana kaj la Platdiĉa lingvoj estis malĝuste interpretita kiel *angilo-supo.*

Por prepari tiun supon oni bezonas buljonon el la ostoj de ia salita kaj fumaĵita viando (ŝinko aŭ ripaĵo), aŭ buljonon de peklita bovaĵo, kiu enhavu pecetojn de karotoj, tubera celerio kaj poreo. Oni spicas per pipro, vinagro, frukta suko (nigraj riboj), timiano, majorano, petroselo, satureo kaj laŭplaĉe aliaj herboj. Krome oni aldonas pizojn kaj sekajn fruktojn (prunoj, pomoj, piroj), aparte kuiritaj. Oni aldonas pecetojn de la kuirita viando de la baza buljono.

Fine oni aldonas buletojn el brogita pasto: (Oni kuiras 125 ml da akvo kun 120 g da faruno,iom da salo kaj 40 g da butero kirlante ĝis solidiĝo de la pasto. En la varman paston oni miksas du ovojn. Per tekulero oni formas buletojn kaj boligas en salakvo dum kelkaj minutoj. Poste metu la buletojn en malvarman akvon por ke ili ne disfalu.)

Oni povas enmeti pecetojn de kuirita angilo, sed tio nek necesas nek plibonigas la guston de tiu hamburga specialaĵo.




# 18 - 23 JULIO 2011

## El la programo:

**Lundo, 18-07** vespere: Salutrondo
**Mardo, 19-07: Tuttaga ekskurso al la urbo *Stade***
**Merkredo, 20-07** matene: *Benno Klehr:* **Urba historio;** posttagmeze: Rigardado de la **Havena Urbo;** vespere: Foirejo ĉe **Reeperbahn**
**Ĵaŭdo, 21-07** matene: *Gerald Roemer:* **Eŭropa verda ĉefurbo;** posttagmeze: **Urbopromenado** vespere: *D-ro Werner Bormann*: **Esperanto en Hamburg dum la pasintaj 50 jaroj**
**Vendredo, 22-07:** matene: *Benno Klehr:* **Novaj teknologioj;** posttagmeze: **Urbopromenado en Altona** kaj vizito de **Botanika Ĝardeno;** vespere: **Somera Festo** de HES;
**Sabato, 23-07** matene: **Forvojaĝo**

La *Hamburga Somero* celas speciale la vojaĝantojn al la Universala Kongreso en Kopenhago, sed ĉiuj aliaj estas same bonvenaj.

Pliaj informoj en nia retejo:
www.Esperanto-Hamburg.de/hoso

## Publika trafiko en Hamburg

**Rekorda cifero en la jaro 2010:**
La busojn kaj metroliniojn (U-Bahn) de la ŝtata entrepreno *Hamburger Hochbahn* en la jaro 2010 uzis pli ol 410 milionoj da vojaĝantoj. La kostoj de la publika trafiko en Hamburg estas je 88,1% kovritaj de la enspezoj, tio estas pli bona rezulto ol en aliaj grandaj urboj.
Kvankam plimultiĝis la servoj je 8,5%, *Hochbahn* sukcesis malaltigi la deficiton je 36%.

## Lupoj en Germanio

La ministrino de medio de Ŝlevig-Holstinio antaŭ nelonge prezentis projekton por bonvenigi lupojn en sia lando. En la besto-parko *Eekholt* (norde de Hamburg) estu centra informejo por la civitanoj.
Kvankam ne jam ekzistas lupoj en Ŝlevig-Holstinio, la homoj, laŭ ministrino *Rumpf*, devas esti preparitaj akcepti lupojn en sia ĉirkaŭaĵo sen timo kaj antaŭjuĝoj. Laŭ spertoj el aliaj landoj en Eŭropo eblas najbareco de homoj kaj lupoj. En orienta Germanio jam dum kelkaj jaroj vivas sovaĝaj lupoj, kiuj supozeble enmigris trans la riveron *Odro* el Pollando. Intertempe unuopaj lupoj aperis ĉe la rivero *Elbo* en Malsupra Saksio. Do estas eble ke lupoj baldaŭ trovos la vojon ankaŭ al Ŝlesvig-Holstinio.

## Jahreshauptversammlung/Jarĉefkunveno

### Einladung / Invito

Alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V.
werden eingeladen zur Jahreshauptversammlung
am Freitag, dem 18. Februar 2011 um 19.30 Uhr
im Kulturladen St. Georg (unterer Saal)
Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts
und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Budget, Beiträge und Pläne
Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands.
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

*Oscar Bünemann:*
(prezidanto de HES 1945-55)

## Por la nova jaro

La arboj staras sen folio,
ne estis floro sur kamparo.
Kaj tamen scias ni, ke ĉio
refloros en la nova jaro.

Eterna estas viva forto,
dormante, ĉio refortiĝas,
kaj post la vintra ŝajna morto
la vivo ĉie renaskiĝas.

Pli belaj ŝajnas ĉiujare
printempa verd', printempa lumo.
En niaj koroj pli grandare
deziroj celas al plenumo.

Malhelpoj, batoj kaj laceco
jam ne estingos la esperon.
Komuna sent' de fideleco
antaŭen puŝos la aferon.

Vekiĝu, ĉiuj samcelantoj!
Admonas vin la jarkomenco.
Kolektu pli da batalantoj
kun bona vol' kaj pacienco.

## Hamburg-Enigmo



Ekzistas entrepreno en Hamburg, kiu utiligas abelojn por kontrolado de la kvalito de la ĉirkaŭa medio. Pri kiu granda entrepreno temas?

Foto: Marc Piwinski

## Queen Mary 2 – Reĝino de la maroj

Tre ofte la krozadŝipo *Queen Mary 2* vizitas sian honoran hejman havenon Hamburg. La alveno en la haveno ĉiam estas kvazaŭ festo. En neniu alia urbo tiu ŝipo estas tiom bonvenigita. En 2011 ĝi venos eĉ kvarfoje:
3a, 7a, 25a kaj 31a de Majo, 4a kaj 12a de Aŭgusto.



Foto: HafenCity Hamburg GmbH / Hamburg Marketing GmbH

## Plej granda havena festo de la mondo

Hamburg festas la fondadon de sia haveno. Tio okazos de la 6a ĝis la 8a de Majo 2011, kaj estos la 822a datreveno!
Ankaŭ en 2011 la vizitantoj dum la semajnfino povos spekti grandajn kaj malgrandajn velŝipojn, fregatojn kaj luksajn krozadŝipojn.
Krome okazos kermeso-simila spektaklo sur la bordo de Rivero *Elbe* kaj ĉe la ŝipalvenejo *Landungsbrücken*. Dum al pasintaj jaroj ĉiam venis centmiloj da gastoj el la urbo kaj la tuta lando, eĉ eksterlando; ankaŭ por rigardi la grandegan *Queen Mary 2.*




Foto: Nico Maak

### Malmulte konata tribo:

# La Bafokenga Popolo en Afriko

Kiam antaŭ proksimume 800 jaroj la tribo de la Bafokengoj venis al suda Afriko, ili setlis ĉe la nordrando de ĉenmontaro kiu hodiaŭ estas konata kiel Magali-montoj.

En Cvana lingvo la vorto *Bafokeng* signifas Popolo de la matenroso, ĉar matenkrepuske en tiuj unuaj tagoj en suda Afriko kolektiĝis ĉiam amaso da roso ĉe la kampadtereno de la novenmigrintoj.

Tiu roso estis bona signo, signo por fekundeco kaj prospero.
Ili decidis resti tie.
La bonstato venis nur multe pli malfrue.



**Flago de Bafokeng**

Antaŭ 350 jaroj Eŭropanoj okupis la landon kaj poste la t.n. Buroj fondis la ŝtaton Sudafriko, en kiu nur restis tiel nomataj *hejmlandoj* (homelands) por la Afrikanoj.

La Bakofengoj vivis en *Bophuthatswana* apud *Rustenburg*. Helpe de misiistoj ili sukcesis reaĉeti sian terenon dum la pasintaj jarcentoj. Hodiaŭ *Bophuthatswana* estas parto de la *Nord-Okcidenta Provinco* de Sudafriko.

En la setleja regiono de la „Reĝaj Bafokengoj“ – la popolo estas monarkio – oni trovis la plej grandan rezervon de plateno de la mondo. La valormetalo igis la Bafokengojn la plej riĉa popolo de Afriko.

Nun en la periferio de la urbo Phokeng estiĝas *Afrika Elita Universitato*; bona investo por la edukado. La Bafokengoj ankaŭ uzas sporton kiel rimedo de instruado: Ekzemple futbalon kiel pedagogia koncepto.

Kiam la futbala mondĉampionado en 2004 estis aljuĝita al Sudafriko, la Bafokengoj promesis konstrui futbalan stadionon:

Hodiaŭ ĉe la rando de Rustenburgo ekzistas unu el la dek mondĉampionadaj stadionoj en Sudafriko. Ĝi estis financita de la Bafokengoj, kiuj uzas sian riĉecon ankaŭ por la gloro de la nacio.

*Marianne Borchert*

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Bienen prüfen die Umweltqualität am HAM-Airport Foto: Flughafen Hamburg/ M. Penner

Ekde 1991 kvin abelaj popoloj kontrolas la aeron ĉirkaŭ la flughaveno de Hamburg. Fakte la homoj kontrolas la kvaliton de la mielo; estonte oni ankaŭ analizos vakson kaj polenon. En 2010 la abeloj de la flughaveno produktis proksimume 422 kilogramojn. La entrepreno de la flughaveno donacas mielon al specialaj gastoj.
Krome la aeron ĉirkaŭ la flughaveno kontrolas la urbaj aŭtoritatoj. La aero apud la flughaveno estas same pura kiel en la kamparo ekster Hamburg.

Esperanto in Schleswig-Holstein

Publikigita de Michael Lennartz je 15.11.2010
El la lando >>
La retejo Esperanto en Ŝlesvig-Holstinio transiras al alia servilo. Nun ĝi estos pli fidinde kaj pli rapide atingebla.
http://www.majkel.de/wb/

## Rekomendo

Ĉu vi iam vizitis la retejon de niaj najbaroj en Ŝlesvig-Holstinio?
Foje rigardu tiujn interesajn kaj bone faritajn paĝojn.
Ili vere estas varbilo por la movado en la lando.

*Benno Klehr*






<—
Hodiaŭ la infanoj kreskas en mondo de komputiloj...

Mitgliedsbeiträge 2011 des Esperanto-Vereins Hamburg e. V.
Bitte überweisen Sie den **Mitgliedsbeitrag bis spätestens zum 28. Februar 2011** oder erteilen Sie dem Kassierer eine Einzugsermächtigung. Die jährlichen Beiträge betragen:
50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre
Kontoverbindung des Esperanto-Verein Hamburg e.V.:
GLS Gemeinschaftsbank, BLZ 430 609 67, Konto Nr. 2006716500

Mitgliedsbeiträge und Spenden an HES können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 200 Euro nicht übersteigt, genügt es gemäß § 50 Abs. 2 Nr. 2 EStDV, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt.
Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spenden-Bescheinigung zugesandt.

Bescheinigung über Gemeinnützigkeit
Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 24.09.2009 unter der Steuernummer 17/420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach § 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit.
Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens gemäß § 52 Abs. 2 Nr. 13 AO verwendet wird.

---

**Zur Information hier auch die Mitgliedsbeiträge des Deutschen Esperanto – Bund e.V.**

72 € - Erwachsene ab 28 Jahre mit eigenem Einkommen
ab 36 € - Erwachsene …ohne eigenes Einkommen
Ausführliche Informationen unter www.esperanto.de/gea/mitglied.html#Ordentlich
Kontoverbindung des Deutschen Esperanto – Bund e.V.:
Sozialbank Mainz, BLZ 550 205 00, Konto Nr. 0008603600

Kun koraj salutoj, Gerald Roemer, Kassenwart

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Februaro

**3** *Paroliga Rondo:*
**Kion ni povas farin por bremsi la klimatan ŝanĝon?**

Post longa frosta vintro lastjare venis varmega somero. Ĉu ni homoj kulpas ĉar ni (preskaŭ) ĉiuj bezonas aŭton? Ĉu ni vere bezonas klimatizilojn kaj varojn el Ĉinio? Kundiskutu.

**10** *Alvaro Cortes:*
**Esperanta kaj parenca vojaĝo tra Kolombio**

**17** *Fabeloj de Andersen:*
**„Fajrilo“** kaj
**„Reĝidino sur pizo“**

Legas de sondisko Stano Marĉek.

**18** **(Vendredo) 19.30 h**
**Jahreshauptversammlung**
**Jarĉefkunveno de H.E.S.**

**24** **TV Esperanto Bjalistoko**

Denove interesaj filmetoj profesie produktitaj antaŭ kaj dum la UK 2009 en la naskiĝurbo de Zamenhof. (ĉirkaŭ 50 minutoj.)

## Marto

**3** *Vortrag im unteren Saal:*
*Johanna Grünhagen:* (germanlingve)
**Interkulturelle Kompetenz**

Johanna Grünhagen ist Diplom-Pädagogin und Trainerin für interkulturelle Kompetenz und in diesem Zusammenhang Geschäftsführerin von KulturKonsens in Handeloh. Interkulturelle Kompetenz wird uns täglich abverlangt, sowohl im beruflichen, als auch im privaten Bereich. Johanna Grünhagen zeigt auf, wie man diese Kompetenz schärfen und gezielt einsetzen kann.

**10** *Paroliga Rondo:*
**Nutraĵsemaforo kaj genmaizo**

La eŭropa parlamento ne konsentis pri la nutraĵsemaforo, sed konsentis pri kvin di-versaj specoj da genmaizo. Ĉu la semaforo helpus ĝuste sin nutri? Ĉu la maizo helpas anstataŭi teroleon por produkti benzenon? Kaj ĉu la maizo ankaŭ helpas nutri la popolojn en malriĉaj landoj? Kundiskutu.

**17** *Benno Klehr:*
**La artikolo**

(laŭ „ABC-mempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko“ de Ch. De Vleminck kaj E. Van Damme. La uzo aŭ ne-uzo de la artikolo estas aparte malfacila por homoj, en kies gepatra lingvo ne ekzistas artikolo.
La aliaj tamen atentu i. a. pri la ne-uzo kun vortoj kiel „kies“ aŭ „ĉiuj“.)

**24** *Jürgen Wulff:*
**La desegnaĵoj de A. Paul Weber**
Prezento kaj analizo

**31** **Esperanto –**
**pasporto al la tuta mondo**

Nova leciono de la interesa DVD-lernkurso, kiu prezentas Esperanton en familia teatraĵo.

## Aprilo

**7** *Benno Klehr:* **La terura enigmo!**

## Majo

**5-8** **Havena Datrevena Festo** (paĝo 4)